

# LA VERDA LUPEO – FENĪKSO





**Nr-ro 52** 1981/1 Aprilo **12a jaro**


---


**Redaktoro:** R. Burmeister
DDR 9047 Karl-Marx-Stadt
W.-Firl-Str. 30


---

Postkarte
Carte postale




*BRUNO APITZ NUDA INTER LUPOJ ROMANO*

La fama romano de Bruno Apitz (1900–1979) „Nackt unter Wölfen" aperis entute en 26 lingvoj.
En la internacia lingvo Esperanto la romano aperis en la jaro 1974.

Lp G 116/313/80 3 18 210

## Kluba informilo de ELF-AREK

Redaktoro: R. Burmeister
DDR 9047 Karl-Marx-Stadt
W.-Firl-Str. 30

## Novaj Esperanto-poŝtstampoj

**PO 121 el Czestochowa**

15.12 1980 denove en Czestochowa aperis E-stampo kun la teksto: 35 jaroj Esperanto en Popola Pollando. La portreto en la stampo prezentas mapon pri Pollando kaj E-stelon.

La ricevita ekzemplero havis bonan kvaliton. (bone stampita). Ekzistas speciala memoriga koverto. Dankon al Biesiada pro informo.

**HU 76 el Budapest**

Gratulon al la Organiza Komitato de Vintra Esperantista Ferio! Ili nin surprizis per nova poŝta stampo okaze de tiu aranĝo, kiu havas tekston nur en Esperanto:

10-A VINTRA ESPERANTISTA FERIO

Simpatia "neĝviro", kiu portas E-insignon, ornamas tiun simpatian stampon.

La stampokvalito estas sufiĉe bona. Dankon al Radnai k Fekete pro la senditaj informoj.

Ekzistas specialaj kartoj kun E-stelo en neĝkristalo kaj glumarkoj en verda kaj en flava.












**GDR 9 el Leipzig**
15.12. 1980 la ĉef-poŝtejo en Leipzig havis maŝinstampon kun germanlingva teksto: 15. Dezember/Tag des Esperanto-Buches (Tago de la E-libro).

La kvaliton de tiu stampo oni povas forgesi kaj apartenas al la plej malbonaj. La fuŝkvalito rezultas el apenaŭ uzebla stampomaŝino. Ne nur la stampomaŝino malbone laboris, ankaŭ la oficistoj tie terure fuŝis. Tiel oni ekz. aplikis iun germanlingvan maŝinstampon pri asekuro sur poŝtaĵoj, anstataàu la E-ms.

**GDR 10 el Leipzig**
Samtage kun la maŝinstampo ekzistis ankaú memoriga nuliga stampo en la sama poŝteje, havebla en speciala poŝtejo giĉeto. Tiu stampo havas la germanan tekston: 15. Dezember/Tag des Esperanto-Byches kaj en la stampomezo troviĝas bildo pri !ibro kun la E-teksto: B. Apitz/Nuda inter lupoj/1974.

La kvalito ĝenerale estas kontentiga. Tamen la poŝtejo same fuŝlaboris. Tiel oni aplikis ekz. tute normalajn datstampojn anstataú la E-stampon sur ekspeditaj leteroj, sekve ankaŭ pluraj niaj amikoj certe mikris, ke ili ricevis sensencajn leterojn el Leipzig.

Eble tiu romano "Nuda inter lupoj" meritas klarigon: Verkita ĝi estas de la germana verkisto Bruno Apitz pri vivo de infano pola en koncentrejo. Tiun infanon oni sukcesis savi antau la mortigo kaj ĝi vivas en Pollando. Apitz mem dum multaj jaroj estis en koncentrejo. Tiu romano aperis entute en 26 lingvoj. En Esperanto la romano aperis en la jaro 1974 en GDR. Tradukis ĝin Karl Schulze el Berlin/GDR.

**GDR 11 el Finsterwalde**
5–12.1.1981 en Finsterwalde oni uzis meorigan nuligan stampon kun germanlingva teksto okaze de la 3a Internacia Medicinista Esperanto Konferenco, 15–19.7.81 en PR Bulgario. En la stampo estas portreto de Charles Richet. Li estis pioniro de Esperanto kaj fama franca fiziologo. Li vivis de 1850–1935. En la organo de UEA "Esperanto", decembro 1935 ni legas pri li:

"Profesoro Charles Richet

Meze de decembor 1935 mortis en Parizo profesoro Ch. Richet, unu el la plej grandaj scienculo de Francujo, en aĝo de 85 jaroj. Li estis fiziologo kaj okupiĝis pri plej diversaj sciencaj kampoj. Kiel profesoro de l'medicina fakultato en Parizo li fariĝis membro de la franca Akademio de la Medicino. En 1914 li fariĝis membro de la Scienca Akademio- Li publikigis senfinan nombron da sciencaj verkoj. Longatempe li direktis la grandan francan organon "Scienca Revuo". En 1913 li ricevis la Nobel-premion por la medicino.

Li estis pioniro de la aerveturado kaj subtenanto de altaj idealaj celoj. Kiel apostolo de l'pacifismo li partoprenis en ĉiuj klopodoj por la interkomprenado de la hormano. Ne mirige do estas, ke li fariĝis varma amiko de Esperanto. En verkoj kaj artikoloj li defendis Esperanton.

. . . Li estis efektiva pioniro de nia movado, al kies eminenteco ni ŝuldas tiom da favoro por Esperanto en ĉiuj sciencaj kaj intelektaj rondoj en Francujo".

La stampojn vi provas ricevi en nia stampobanko.

## Novaĵoj

Dum la kongreso de Sveda Esperanto Federacio aperos stampo 6 ĝis 8-an de junio en Malmö.
Stampo sur memoriga karto kostas 3 IRK, mendu ĉe stampa banko.

La Brazila Esperanto-pm aperos la 27-an de julio en Brazilia. 65-a UK.




## Esperanto-Domo Arnhem

Responde al la redaktora demando pri la stampo ESPERANTO-DOMO ARNHEM mi sendas jenan klarigon:

Unue iom da historio pri la deveno de la E-sta, uzita en siatempe tre fama ESPERANTO-DOMO en ARNHEM/Ned./

La Domon disponigis al la Ĉe-Instituto en Hago la tiama urbestro de la urbo Arnhem D-ro De Monchy, varma amiko kaj subtentanto de la IL Esperanto. Li ellernis la lingvon kaj kelkfoje eĉ publike parolis en Esperanto, okaze de la internaciaj E-kursoj en Arnhem. Li estis ankaŭ komitatano de la Ĉe-Instituto. Somere 1936 okazis en la E-Domo internacia perfektiga kurso kun 70 personoj el diversaj landoj. Tiam s-ro Perrin el Calais /Francio/ faris interesan peton al la ĉeestanta s-ro J. W. Groeneijk, inspektoro de la Nederlanda PTT el Hago, ke la poŝtdirekcio permesu al la E-Domo uzi propran poŝtstampilon por la stampado de leteroj, elirantaj el la E-Domo.

S-ro Groeneijk tuj pritraktis la proponon ĉe la ĝenerala direkcio de la ned. PTT en Hago, kiu promesis realigi la aferon en la venonta jaro 1937. Tiel ankaŭ okazis. La nekutimforma stampilo montris la daton de la ekspedo kun la vortoj: ESPERANTO-DOMO ARNHEM kaj la radiantan E-stelon.

En la koridoro de la Domo estis instalita propra poŝtkesto, kiun ĉiutage malplenigis la deĵoranta poŝisto. Mi memoras, ke la afrankitajn poŝtajojn nuligis la rajtigitaj personoj en la giĉeto s-ro L. Moreau, la entuziasma kaj oferema administranto de la E-Domo aŭ f-ino B. Bresler, la sekretatiino. En la oficejo estis vendataj bildkartoj, leterpaperoj, poŝtmarkoj, skribiloj ktp.

La alia dulinia stampo ESPERANTO DOMO ARNHEM, pri kiu estas la demando en la artikoleto de s-ro Amouroux, laŭ mi ne estis ia "poŝtkontora" stampo. Tiun stampon oni uzis jam antaŭe sur ĉiuj korespondaĵoj de la E-domo kun akompana subskribo de la administraj personoj. La farbokuseneto servis por ambaŭ stampiloj: La domoficeja dulinia – nepoŝta kaj la oficeala poŝta. Mi mem posedis 3–4 leterojn kun tiu nepoŝta stampo.

Kompilita laŭ propraj notoj kaj laŭ mencioj en la revou LA PRAKTIKO 1936–1937.

*D. Bartoŝik*

## Werner Simon pri stampo Hago 1920 (UK)

"... mi petis tiean amikon esplori la Hago-1920-stampon kaj jen lia respondo: La stampo estas nek oficiala nek poŝta. La nederlanda katalogo de poŝtstampoj ne listigas ĝin. Specialisto pri holandaj stampoj, komercisto, same neas oficialecon de tiu stampo.

Tamen estus eble, ke oni eraras. Vi havis 2 opiniojn ĝis nun, unu por kaj unu kontraŭ. Do: restas iom da dubo. Nepre ĝi nur estas "apudstampo" (vidu sube!), ĉar kiel bulteno 47 skribas, la korespondaĵoj estis transdonitaj al centra poŝtoficejo por normala stampigo! Estas eble, ke la poŝtoficisto aplikis neoficialan (suveniran stampon de LKK) stampon kiel komplezon.

"Apudstampo" = Memoriga (suvenira) stampo, kiu normale troviĝas apud la pm.

Opinio de redaktoro: Jes, restas dubo pri oficialeco de tiu stampo. Tamen la posedantoj estu feliĉaj, ĉar nepre temas pri kongresa dokumento. Eble iam ni solvos tiun problemon. Ni eĉ ne kapablas solvi tiun problemon, ĉu nun la pasintjara jugoslava stampo estis poŝta aŭ ne. Sed legu mem leteron, kiu atingis redaktoron en februaro 1981.

## Pri la stampo de Rijeka 1980

... Mi partoprenis la kongreson kaj mi volas rakonti al vi ion pri la situacio koncerne la Esperanto-stampon. En la kongresa libro de la 53a SAT-Kongreso sur la paĝo 12 mi legis ke oni dum la unuaj du tagoj de la kongreso povas ricevi E-poŝtstampon kaj kovertojn en la kongresejo. Mi demandis kelkajn funkciulojn, sed neniu sciis ion pri la stampo. Mi ankaŭ demandis en la ĉef-poŝtejo pri ĝi: la stampo estis nekonata. Lunde (tio estis la tria kongrestago) mi rimarkis ke iu jugoslavo vendis stampitajn kovertojn. Tiu sama homo ankaŭ vespere vendis tiujn stampitajn kovertojn, kiam okazis kunveno de kolektantoj. La nun priparolitaj kovertoj ĉiuj surhavis presitajn stampojn. Mi pensas, ke la stampoj ne estas poŝtaj kaj ne taŭgaj por nia filatela kolekto, kvankam la kovertoj ĉiuj surhavas ĝustan afrankon por enlanda transporto. Interese, ke la jugoslavo havis ankaŭ la saman stampon kun verda koloro (ĉu li havis stampilon k kusenon?). Oni donis la stampon ankaŭ kiel "apudstampo" apud la markoj en verda koloro. La poŝto nuligis la markojn per normala datstampo. (Kiu estas "oni"? Eble tiu jam menciita jugoslavo propramane stampis per propra kuseno – aŭ ĉu eble poŝta giĉeto en la kongresejo havis la stampilon?)

*Redaktora noto:* Mi esperas, ke niaj novmembroj el Jugoslavio kapablas klarigi la situacion, same mi petas nian nederlandan amikon kiu ankaŭ estis en tiu kongreso, sendi al ni leteron kun klarigoj pri tiu stampo.

Jam nun ni povas diri, ke la verda koloro nepre ne estas poŝta, eble la tuta stampo estas nepoŝta. Ni do atendas sciigon, kie estis la poŝtejo kun la koncerna stampilo, se ne en kongresejo aŭ ĉefpoŝtejo.

### Pri reko-markoj:

Ekzistas katalogo pri nederlandaj reko-markoj kaj la redaktoro estas konata al mi. Li skribis, ke dum FLE-Kongreso en 1947 speciala reko-marko estis uzita "Hoensbroek/Treebeek/HtbK" ... ĉu eblas aperigi detalojn pri la reko-markoj Hago 1937 kaj Amsterdam 1940 k.a. ĝisdate nekonataj?

*Werner Simon*

*Redaktoro:* Mi ne tion povas, sed esperas, ke niaj klubanoj vigle trafoliumu siajn kolektojn por trovi tiujn reko-markojn kaj sendi foto-kopiojn al redaktoro por la informilo. La tereno de la reko-markoj ankoraŭ ne esplorita. Ni klopodu iomete heligi tiun flankon, se ĉiuj kunhelpas tiam ni ankaŭ sukcesos!

## Novaj afrankstampoj

Nia afrankstampspecialisto Werner Simon skribas:
"... mi nun povas sendi al vi fotokopion de la afrankstampo 17731 Zamenhofdreef el Utrecht. (Super indiko Zamenhofdreef estas skribita: Radar). Tiu stampo bedaŭrinde ne plu estas havebla... Nova surprizo por ni estas, ke ankoraŭ alia holanda afrankstampo ekzistas en alia urbo kun adreso "Zamenhoflean" en la stampo. Mi esperas havi detalojn pli poste. Temas pri la stampo numero FR 15883..."

Dankon, amiko Simon!

## Ĉu la stampo de Rosario (1941?) estas poŝta?

Tion demandas nia Werner Simon. Mallonge ni skizis la aferon en nro 43 de nia informilo. Sed ankoraŭ ni ne scias, ĉu ĝi nun estas poŝta aŭ ne. Amiko Vana! Bonvolu sciigi al ni viajn intertempajn eksciojn ĉirkaŭ tiu stampo. La fotokopion pri la stampo ni aperigis en nia informilo nr 49.

## Kaj kio pri HI 22?

Mi ricevis stampon pri 40a hispana kongreso. Kun datoj 21–24 julio 1980. Tamen la koverto montras datojn 19–24 julio. Do, kiam okazis la kongreso, kaj ĉu la stampo entute estas poŝta sen iu definitiva dato?

*Redaktoro:* Tutcerte temas pri poŝta stampo, ja ankaŭ ekz. la lasta UK-stampo el Stokholmo havas tian grandegan daton. Sed kion ni ne scias, tio estas, kiam nun vere okazis la hispana kongreso. Jam ĉe pli fruaj hispanaj tutaĵoj mi rimarkis tiujn dato-diferencojn de la stampo kaj de la koverto.

## Filozofo Francis Bacon ankaŭ sur pm!

... Eble ne ĉiuj scias, ke portreto de F. Bacon troviĝas ankaŭ sur 6 c. pm de New-foundland de la jaro 1910.

Bedaŭrinde mi ne posedas la Zumstein-katalogon, nek alian kaj mi ne scias, sub kiu kataloga numero ĝi estas listigita. Mi mem nur tre malfacile akiris tiun pm – neuzitan. Sufiĉe kosta ĝi estis kaj verŝajne nefacile trovebla. Tamen en bona tema E-kolektaĵo ĝi trovus taŭgan lokon apud la Bacon-sta el Karl-Marx-Stadt 1980, kiu cetere al mi tre plaĉas...

*Bartoŝik*

## Pri la tutaĵ-katalogo

Estas konate, ke jam dum jaroj sin okupas nia kluba amiko Vladimir Vana pri kompilado de tutaĵkatalogo. Li tion faris tre zorge kaj kun alta faka sperto. Laŭ mia scio la manuskripto jam estas preta.

Por ke tiu katalogo restu ĉiam sur aktuala nivelo necesas, ke ĉiuj niaj klubaj geamikoj informu la redaktoron pri tiurilataj novaĵoj. Tiuj informoj unue trovos lokon en nia informilo kaj poste lokon en la kartoteko de nia Vana.

Por memorigo: tutaĵoj estas poŝtaj kartoj kaj kovertoj kun oficialaj kaj duonoficialaj alpresoj. Estas tute superflue, ke alia, en tiu rilato nesperta persono, komencu kompiladon de tiu katalogo.

## Pri glumarkoj

Volonte mi donus raporton de nia "glumark-fakulo" Tremon, sed jam preskau jaron mi ne ricevis iun sciigon. Niaj glumarko-kolektantoj havu paciencon, el de aliaj klubaj amikoj senditaj informoj ni kompilos liston pri novaĵoj kaj sekvontnumere aperigos ĝin.

## Esperanto en italaj filatelaj ekspozicioj

25 kolektoj troviĝis en la 4-a Filatela Fervoja Ekspo de Milano. Inter ili 1 kolekto pri Esperanto.

En Taranto okazis la Italia Bella 80, ankaŭ tie trovis lokon la ekspozaĵo de Germano Gimelli.

En Lucca okazis ekspozicio dediĉita nur al Esperanto sub la nomo: Dua Ekspozicio kaj Nacia Kunveno dediĉita nur al Esperanto kun la partopreno de la Internacia Ligo de esperantistaj instruistoj. En la ekspozicio partoprenis pluraj esperantistaj kolektantoj el kiuj kvin ricevis premion. (I.a. la geedzoj Gimelli). En la kadro de tiu aranĝo parolis i.a. doktoroj Mario Dazzini kaj Antonio de Salvo. Okazis ankaŭ Sankta Meso.

La filatela kaj numismatika Asocio en Lucca kaj IEF eldonis memorigan karton.

*Informoj senditaj de Gimelli*

### Pri ITA 32 aldone:

Apud kongresaj karto kaj koverto estis eldonita ankaŭ de la "Centro Filatelico Numismatico Sipontino" karto, kiu montras la renkonton de Sankta Laurenco Majorano, kiu rajdis sur blanka ĉevalo, kun Totila, reĝo de la "Gotoj". La rajdanta Sankta Laurenco estas videbla ankaŭ sur nia porokaza speciala Esperanta poŝtstampo. (Vidu informilon nr 51)

*Gimelli*

### Afrankstampo nro 8: detaloj

"Gewinnen Sie Freunde in 99 Ländern mit Esperanto" (Akiru amikojn en 99 landoj helpe de Esperanto) estas la iom troiga enhavo de tiu afrankstampo de Hermann Behrmann el Paderborn. Dum la tempo tiu stampo iom variiĝis kaj jen la ĝisnunaj konstatoj:

8-1 uzita en urbo Löhne
8-2 uzita en Paderborn (479) = datstampo, tekstparto, valorstampo
8-3 uzita en Paderborn 4790 = tekstparto, datstampo, valorstampo

Nia amiko Hirsch informis, ke ek de oktobro 1980 oni en Paderborn uzas novan afrankstampon, sed mankas ĝis nun detaloj.

### E-poŝtkartoj de GDR (daŭrigo el nro 49)

| | | |
|---|---|---|
| 11. | IIa Konferenco de Medicina Fakrondo | (CLE Berlin) |
| 12. | Eldiro PLATON | (DLR Cottbus) |
| 13. | Apitz, Nuda inter lupoj | (DLR Leipzig) |
| 14. | Apitz, sama, sed en germana | (DLR Leipzig) |
| 15. | Charles Richet | (DLR Cottbus) |
| 16. | Ludwig Renn (prezidinto de IAREV) | (DLR KMStadt) |
| 17. | III-a Centra E-Konferenco en GDR | (DLR KMStadt) |

Krome aperis noveldonoj de la E-pk de GDR:
7, 8 kaj 9. Por presado estis uzataj samaj preskliŝoj.
Sed sube troviĝas iom aliaj "prespermes-notoj":
Anstataŭ III-18-210 LpG 541/80 en la noveldonoj estas:
3-18-210 LG 116/35/80

Mi ripetas: Temas pri tutaĵoj, kiuj estas klasifikitaj en la Filatela Tutaĵ-katalogo de GDR sub kategorio "C", tio estas: normalaj poŝtkartoj kun privataj alpresoj, (por alpresoj necesas ŝtata permeso).

## Devoj por niaj klubaj geamikoj!

Ni estas amika rondo kaj pere de nia informilo helpas unu al la alia kaj diskutas pri niaj problemoj. Tamen la afero estas tiel, ke ni nur tiam povas frandi de nia komuna tablo, se ĉiuj klopodas kontribui al nia menuo. Kompreneble al tiuj kontribuoj apartenas inter alie la kotizo, sed ĝi ne okupas unuan rangon. Multe pli grava estas, ke niaj estimataj klubaj geamikoj aktive kunlaboru en nia informilo! Jen kelkaj "devoj":

1. Se vi partoprenas en E-aranĝo, raportu al redaktoro pri ĉiuj interesaj por nia klubo eldonaĵoj detale kaj amplekse. Al tio apartenas poŝtaj stampoj, privataj stampoj, loko de poŝtejo, variaĵoj de la stampo, datoj de ĝia uzado ktp. Informoj pri uzitaj memorigaj kartoj kaj kovertoj, glumarkoj.
2. Ankaŭ se vi ne partoprenas en tia aranĝo, peru viajn eksciojn al la redaktoro.
3. Ne forgesu informi pri insignoj, kvankam al mi persone ŝajnas, ke neniu en nia klubo interesiĝas pri tiuj, ĉar tute ne venas informoj pri tiu fako.
4. Kelkaj landaj asocioj, fakaj ascioj kaj lokaj kluboj por la korespondado uzas "oficialajn" (asociajn) konvertojn au pk. (Ekzemple UEA, IFEA, Norvega Fervojista E-Asocio kaj CLR Berlin). Ankaŭ pri tiuj necesus skribi en nia informilo, ĉar "uzitaj" ili bone taŭgas por filatelaj E-ekspozaĵoj. Kompreneble: estas plena iluzio voli fari katalogon pri tiu ĉi kampo. Eblas nur, de tempo al tempo aperigi notojn pri tio.
5. Eĉ se vi nenion povas raporti, de tempo al tempo diru kuraĝigan vorton al via redaktoro. Kelkfoje ŝajnas, ke ni sendas nian informilon en fornon, de kie ne eblas ricevi leteron de leganto.

## La jaro 1980

estis sukcesa por nia Esperanto Ligo Filatelista (Arek) kaj ni havis riĉan rikolton je novaj stampoj. La stampo en januaro 1980 el Finsterwalde estis la entute 570a kaj tiu de Budapest en fino de decembro la 592a E-poŝtstampo. Al la stampo-rikolto kompreneble ankaŭ apartenas vico da novaj afrankstampoj, kiujn multaj el inter ni ankoraŭ subtaksas, kvankam ili estas plenvaloraj filatelaj dokumentoj. Krome ni elfosis el la sino de forgeso 2 ĝisdate nekonatajn stampojn kaj ni komencis pripalpi la rekomarkojn, de kiuj ekzistas pli ol ni ĝis nun listigis. Niajn albumajn paĝojn krome buntigis vico da novaj tutaĵoj el Bulgario kaj GDR.

Nia stampobanko funkciis bone sub la gvido de Werner Heimlich. Nia informilo aperis sufiĉe akurate kaj trovis laŭdon, kvankam ekzistas teknikaj k lingvaj mankoj.

Ni eĉ havis 2 renkontiĝojn: en Leipzig kaj en Stokholmo. 1981 ni estis invititaj al Valtice, sed pri tiu renkontiĝo mankas ankorau detalaj informoj.

Nia prezidanto Paulsson mendis kunvenejon por la kolektantoj en la ĉi-jara UK en Brazilo. Eble iu el niaj europaj klubanoj sukcesos veturi tien. Bonvolu nepre ne forgesu informi pri filatelaĵoj de la kongreso al nia redaktoro. Por la kunveno ni bezonas gvidanton. Partoprenontoj sin anoncu ĉe Paulsson. Malpli sukcesa estis la kasraporto, kiu elmontras la kutiman truon. Mildigebla la deficito estus, se ĉiuj korespondantoj aldonus IRK por respondo, se ili skribas al Paulsson. Malpli agrable aspektas la tereno de nia glumarko-fako. La redaktoron atingis neniu signo, sekve ankaŭ informado pri novaj glumarkoj estas iom magra. Tamen la aktiva kunhelpo de kelkaj niaj klubaj amikoj ebligis kelkajn informojn. Eble io okazis al nia glumark-fakulo?

---












**ELF-Arek gratulas!**

Vladimir Vana ricevis orumitan, Dolfa Bartoŝik arĝentan kaj Jan Hadamek arĝentumitan medalojn pro iliaj altkvalitaj ekspozaĵoj pri temo Esperanto en la "Nacia Ekspozicio de Motiva Filatelio PRAHA 80"
(okazis 25.10 – 2.11.1980 en ZK KOTVA, Praha 1, Revolućni 3)
Aperis ankaŭ afiŝo kun 9 diverstemaj simboloj, inter ili la E-stelo.

Medalojn por filatelaj ekspozaĵoj ricevis ankaŭ geedzoj Gimelli en filateliaj ekspozicioj okazintaj 1980 en Italio. Nia klubo deziras al la ekspozantoj novajn sukcesojn. Ni esperas, ricevi sciigojn ankaŭ pri la sukcesoj de aliaj ekspozantoj.

**Bonvenon al novaj amikoj de nia klubo!**

Marco Hugo Pedraz, Menorca 1-1, Lugo, Hispanio
Kolektas: Pm kaj stampoj "ktp." (sendis duonan kotizon)

Salvador Raymundo, CP 11032 Batel, 80 000 Curitiba, Parana, Brazilo
Kolektas: E-filatelaĵojn

Pierre Thaey, Pieter Reypenslei 47, B-2510 Mortsel, Belgio
Kolektas: E-filatelaĵojn kaj neuzitajn pm pri natur-protekto

**Kasraporto de I. Paulsson:**

| | |
|---|---|
| Enspezoj 1980 | 2.194 skr |
| Elspezoj 1980 | 2.765 skr |
| Deficito: | 571 skr |

Januaro 1981

## 2a suplemento por la stampokatalogo

(eldonita 1978 de ELF/AREK)

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| BEL | 1-A | Gent | 1937 29.3 | Laborista E-kgr 22a | 28 |
| ARG | 5 | Rosario | 1973 | Juvenil de E | ms |
| FRA | 43-1 | Grenoble | 1977 feb-majo | Nacia E-kgr 69a | ms 45x24 |
| | 43-2 | Grenoble – Centre Tri | 1977 | Sama tekstoparto (tp) | |
| | 43-1 | Grenoble | 1977 | tp ankaŭ kapopieda | |
| HUN | 5-1 | | 1947 | Esperanto-teksto | |
| | 5-2 | | 1947 | Teksto en la hungara | |
| HUN | 70 | Abaliget | 1979 | IREN 12a | 35 |
| | | | 1980 14–23.7 | IREN 12a (reuzo por 13a) | 35 |
| HUN | 71 | Fot | 1979 18.11 | Deklamkonkurso | |
| BRA | 30 | Bauru | 1979 15.12 | Filatela E-ekspozicio | |
| POL | 119 | Czestochowa | 1979 15.12 | Zamenhof | |
| HUN | 72 | Budapest | 1979 28–12 | VEF 9-a (kun fuŝita 8) | |
| GDR | 5 | Finsterwalde | 1980 5–12.1 | 15 jaroj E en Kulturligo (Cartesius-portreto) | 40 |
| BRA | 31 | Sorocaba | 1980 23–27.1 | 3a junulara E-renkontiĝo | |
| GDR | 6 | Leipzig | 1980 7–14.3 | IFER 80 | 40 |
| GFR | 31 | Koblenz | 1980 12.4 | Servo per amikeco | ovala 45x34 |
| HUN | 73 | Tata | 1980 2.5 | Junulara E-renkontiĝo | |
| GDR | 7 | K-M-Stadt 1 | 1980 5–12.5 | 15 jaroj E en Kulturligo (F. Bacon portreto) | 40 |
| POL | 120 | Bydgoszcz 1 | 1980 31.5 | E-renkontiĝo (en pola) | |
| GDR | 8 | K-M-Stadt 1 | 1980 5–11.6 | E-med. konferenco (Kalocsay-portreto) fuŝdato: 11.16.80 | vi ni 40 |
| POR | 2 | Setubal | 1980 13.6 | E-renkontiĝo (8a) | 32 |
| HUN | 74 | Dunakeszi | 1980 6.7 | Fervojista E-renk. 16a | 35 |
| HUN | 75 | Gyula | 1980 7.7 | SEU | |
| BUL | 11 | Plovdiv C | 1980 12–14.7 | Nacia E-kgr 40a | as 33 |
| ARG | 6 | San Luis | 1980 13.7 | Tutamerika E-kongreso | 35 |
| JUG | 26 | Rijeka | 1980 18–19.7 | SAT-kgr 53a | pres. ni vi 33 |
| HIS | 22 | Madrid | 1980 21–24.7 | Nacia E-kgr 40a | 32 |
| MAL | 2 | Valletta | 1980 25.7 | ILEI-konferenco 14a | 30 |
| SVE | 24 | Stockholm | 1980 2–9.8 | UK 65a | 30 |
| ITA | 32 | Lucca | 1980 28.9 | E-filatela ekspozicio | 38 |
| POL | 121 | Czestochowa | 1980 15.12 | 35 jaroj E en PR Pollando | |
| GDR | 9 | Leipzig | 1980 15.12 | Tago de E-libro | ms 39x21 |
| GDR | 10 | Leipzig | 1980 15.12 | Tago de E-libro (Titolo: Nuda inter lupoj) | 40 |
| HUN | 76 | Budapest | 1980 28.12 | VEF 10a (neĝviro) | |
| GDR | 11 | Finsterwalde | 1981 5–12.1 | IMEK 3a (en Bulgario) (portreto de Richet) | 40 |

### Afrankstampoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| AS | 8-1 | Löhne | 1971 | Freunde in 99 Ländern mit E |
| AS | 8-2 | Paderborn | 1975 | sama (ds-tp-vs) |
| AS | 8-3 | Paderborn | 1980 | sama (tp-ds-vs) |
| AS | 15 | ? | | Zamenhoflaan (FR 15883) |
| AS | 16 | Utrecht | | Zamenhofdreef (nro 13061) |
| AS | 17 | Utrecht | | Zamenhofdreef (nro 17731) |
| AS | 18 | Aarhus | | Esperanto . . . (nro TN 471) |
| AS | 19 | Bad Hersfeld | | Esperanto . . . |
| AS | 20 | Sidney | | Esperanto . . . |

**Ceterajoj**

| | | |
|---|---|---|
| HUN | 65 | 1978 28.12 – 2.1.79 (?) |
| LUK | 1 | 1978 1–9.9 |
| | | 1979 7–14.8 (reuzo) |
| POL | 30 | kun fuŝdatoj: 24.17.65 kaj 25.17.65 (trovitaj 1980 de Bielak) |

**Noto**

Nepre plibonigenda estas la kunlaboro flanke de kelkaj niaj membroj. Se ni ne ĉiuj kontribuas per informoj pri novaj stampoj (kun dato de uzado), tiam ne eblas prezenti kompletan informadon pri novaĵoj. Tiel ekz. ne alvenis ĝis januaro informoj pri la stampo de Rijeka 1980, nek de kongresanoj nek de klubaj membroj el JUG. (Ekz.!)
Mi povus noti pliajn landojn.

**Bonvolu:**

Se en via lando aperas nova stampo, aŭ se vi ĉeestas kongreson kun nova stampo, tiam sendu al la redaktoro almenaŭ unu bone legeblan specimenon k informu ankaŭ pri samtempe uzataj tutaĵoj (suvenir-, memorkartoj kaj kov.)

**Adreso:**

R. Burmeister, DDR 9047 Karl-Marx-Stadt, W.-Firl-Str. 30
Redaktoro de "La Verda Lupeo" kaj Katalogo de E-stampoj de Esperanto Ligo Filatelista (ELF-Arek).



III. ESPERANTO-KONFERENZ
IM KULTURBUND DER DDR










Karl-Marx-Stadt · 22. — 24. Mai 1981

III 18 210 LG 116/229/80

**Esperanto Ligo Filatelista**
**Amika Rondo de Esperantaj-Kolektantoj** V: ne pagis 1981

**Prezidanto:**
I. Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
Poŝtkonto: 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna

**Kotizo por 1981:**
15 validaj IRK (maldekstre stampitaj!! ne pli aĝaj ol du jaroj!!)
aŭ 30 svedaj kronoj. Prefere sendu la monon!
La kotizon sendu al Paulsson.

**Stampobanko:**
Werner Heimlich, D-304 Soltau, Fröbelstr. 4
Aĉetas novajn E-stampojn kontraŭ 1 IRK, ofertas multajn stampojn. Petu liston kontrau 1 IRK.



"vi ne havas – vi ricevos!"